HAMBURG Esperanto

6/1993

Decembro/Januaro '94

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.




# Zamenhof-Festo en Hamburg: 11. Dec.

**Hamburg (ehh). Post la pasintjara Zamenhoffesto kun Lukulaj ĝuaĵoj, nun Hamburga Esperanto-Societo ankaŭ ĉi-jare preparas Zamenhoffeston kun speciala menuo. Kiel kutime, inter la diversaj manĝometoj okazos prelegoj kaj aliaj prezentoj. Tamen, ĉi-jare la menuo ne estos tiom ampleksa kiel pasintjare.**

Kvar horoj - tiom longe daŭris la festmenuo dum la pasinta Zamenhoffesto - al kelkaj partoprenantoj estis iom tro multe. Sed bona afero bezonas sian tempon! Ni ŝanĝis la koncepton: Anstataŭ ses manĝometoj nur estos kvar, kaj la ĉefa plado ne estos servita sur individuaj teleroj, ĉar tio tro ŝarĝas la libervolajn gekelnerojn, kiuj ja krome devas servi la trinkaĵojn. Tamen ankaŭ ĉi-jare fariĝos vere ĝuinda vespero! ***bv. legi paĝon 3!***

## Enhavo

El la redakcio .............................. 2
El nia klubo .............................. 3
Nia Terura Enigmo .............................. 4
Nia programo .............................. 5
Diversaj Temoj .............................. 6
Studrondo .............................. 7
Junularo .............................. 8

Tiu ĉi numero nur havas 8 paĝojn, anstataŭ la kutimaj 12.

La redakcio tre bedaŭras tion, sed pli ampleksa eldono ĉi-foje ne estis ebla.

## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, D - 20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
*Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, D - 22769 Hamburg, ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, 21029 Hamburg*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 1/1994:**
**08-01-94**

## Sentenco

***Mi ne povas signifas "mi ne volas"!***

*popola saĝaĵo*

## Ĉu Nazia Hamburg?

Fine de Septembro 1993 okazis balotoj en la urba ŝtato Hamburg. En unu el la urbaj kvartaloj, *Wilhelmsburg*, la dekstraj partioj povis atingi sukceson je 15,9 % de la voĉoj. Estas vere maltrankviliga rezulto, kvankam la mezuma rezulto de dekstraj partioj en Hamburg ne sufiĉas por eniri la urban parlamenton, ĉar estas malpli ol 5 %. Tamen la ekzemplo *Wilhelmsburg* devas kapti la atenton de politike interesitaj homoj: *Wilhelmsburg* en ĉiuj rilatoj ne estas normala kvartalo. Krom la fakto, ke ĝi troviĝas sur insulo inter norda kaj suda Elbo, ĝi prezentas plurajn sociale tre gravajn trajtojn: Preskaŭ 80 % de la loĝejoj estas ŝtate subvenciitaj, 25 % estas eksterlandanoj, 11 % de la enloĝantoj estas senlaboraj, proksimume same multaj vivas nur per sociala subteno, alta krima kvoto. En tia medio estas facile por la naciismaj partioj, kapti balotajn voĉojn. La naciisma klarigo, ke la eksterlandaj laboristoj forprenas la laborlokojn, tie estas bonvena, kie vaste konstateblas mizero. Pro la fakto ke eksterlandanoj ne rajtas baloti, altiĝas la balota potenco de la malkontentaj homoj. Tamen tio nur estas unu faceto de la fenomeno. Krome, tia balotado esprimas proteston kontraŭ la establitaj partioj. La politikistoj de la grandaj demokrataj partioj ne sukcesis, prezenti akcepteblajn solvojn de la problemoj. La registaro ne sufiĉe frue ekvidis la socialajn problemojn, ĉar oni pli grave taksis la liberan ekonomian evoluon. Fakte estas mirige, ke nur en tia ekstreme ŝarĝita kvartalo rezultiĝis tia balotado, kvankam ĝenerale la popolo estas malkontenta. *Benno Klehr*

## Cetere

Se vi volas praktiki, ĉar vi volas lerni flue paroli, venu al nia klubejo antaŭ la Ĵaŭda klubvespero al la ***Konversacia Rondo***!

# Zamenhoffesto 1993

**La 11an de Decembro, je la 19a horo komenciĝos nia tradicia Zamenhoffesto en la suba salono de nia Esperanto-Domo. Necesas antaŭa anonco kaj menu-mendo.**

**Programo de la vespero:**

***Salutvortoj de la prezidanto***
**Unua manĝometo:** *Supo*
***Prelegeto:*** *Zamenhofa verkaro (P. Ley)*
**Dua manĝometo:** *Koktelo de salikokoj*
***Recitado:*** *pensigaj poemoj (J. Wulff)*
**Tria manĝometo:** *Brezitaj porkaĵo kaj bovaĵo kun variaj legomoj kaj terpomoj*
***Festprelego***
**Kvara manĝometo:** *Ananasa torto*
***Surprizo kun Musiko***
**Fino de la menuo:** *digestivo, kafo ks.*
***Babilanta Rondo***

**Bonvolu anonciĝi sufiĉe frue ĉe Elsbeth Wielgus, Tel. 25 29 36 aŭ ĉe Benno Klehr, Tel. 43 51 97**

# Nia Terura Enigmo 




**Tiu ĉi enigmo sufiĉe malfacila, ĉar la klarigoj necesigas duoblan pripensadon, kaj foje estas tute frenezaj.**

**Vertikale**

1: Komerce agi kiel museca dombesto.

2: Malice esprimi ĝojsenton. 3: Greka filozofo, kiu ne konis Kennedy. 4: Sen ĝi Ĉinoj ne nomus nin *longnazuloj*. 5: Anstataŭ li estis mortigita kapro. 6: Ĉiela agant'. 7: Stango el minerala materialo por stabiligi kaj subteni movon. 8: Ĝi ĉirkaŭas plumojn. 9: Filigrana akompananto de kukumo. 10: Ne metu vian nazon laŭ Zamenhof en tian aŭ alian. 11: Ĉu ambli aŭ troti, mi dirus tiel. 12: Pronomo de persono. 17: Laŭ mindena dialekt' virino, laŭ imperiestro en 800. 20: Rulil' kaj ĉi-ilo regas en kristnaska bakejo. 22: Quinque notu tiel. 23: Populara gasmiksaĵo. 24: Ĉu malrompi? 27: Fama kaŭzo por kliniĝo de statistiko. 29: Ciprin' kun latuna brilo. 31: Radiko de tio, per kio fadeniĝas lano. 32: Ne Latine, sed tiel skribis Toro. 34: En la komenco ĝi ne estis super la abismo. 36: ORB en Germanio, tiu en Belgio. 38: Lasta vorto de L.E.E.N. 40: Tabelvorto, dua vico. 42: Mallonge Germana Réaumur. 44: pinte de nadlo.

**Horizontale**

1: Turka brandfilo, kreskanta en la tero. 8: Laŭ varbaĵ': bela Perso. 13: sin ŝirmi, arkaike. 14: Agi kiel kariljono. 15: Tia estas emo de iu aganta laŭ 1 vertikale. 16: Manier' de moviĝo, pli kaj pli kaj pli. 18: Familia nomo de Vermicelli kaj Tagliatelli. 19: Centralo tia estas ofte malŝatata. 21: Pli valora nomo por brikabrako. 24: Germane kaj Esperante, kvankam malsame, saniga ag'.

***daŭrigo dekstre***

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30.
*Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00.
*Studrondo:* sabate en semajnoj kun para numero: 14:00.
*GIS*: ĉiun lastan lundon: 19:30.
*Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 17.30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet.
*Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00.
*Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00.
*GIS*: jeden letzten Montag: 19:30.
*Paroliga Rondo*: jeden Dienstag: 17:30.

# DECEMBRO

| | |
|---|---|
| 2 | **Literatura Vespero** |
| 4 | *Studrondo*, (poste estrarkunsido) |
| 9 | **klubejo fermita pro Sabata festo** |
| 11 | **Zamenhof- festo komenco 19.00 h (vidu paĝon 3!)** |
| 16 | **Klubejo fermita** |
| 18 | *Studrondo* |
| 27 | *Germana Esp.-Junularo invitas al* **gazetara konferenco** (14.00 h) |
| 30 | **Klubejo fermita** |

# JANUARO

| | |
|---|---|
| 6 | **Literatura Vespero** *I. Karst:* ***Winnie-la-Pu*** |
| 13 | *Bodo Schneider:* **Video pri la UK en Varsovio 1987** |
| 15 | *Studrondo* (poste estrarkunsido) |
| 20 | **Kunveno de la Landa Ligo de GEA** (planoj por la jaro 1994) |
| 27 | *Bodo Schneider:* **Antaŭkongreso 1993 en Barcelona** |
| 29 | *Studrondo* |
| 31 | *GIS-kunveno* |

***daŭrigo de paĝo 4***

25: Granda urbo, kie oni ofte neglektas Januaron. 26: Flugi tiel signifas perdi kaj teni la direkton. 28: Unu el du kiuj funkcias kiel unu el kvin. 30: Akada nomo de Sumera Diino. 33: Verda Insulo apud pli ol unu Aran. 35: La komenco de la komenco. 36: Glata ebenaĵo por eltrovi malglataĵojn. 37: Same necesa kiel manĝi kaj trinki.
39: La ponto Köhlbrandbrücke eĉ havas du. 40: Post la pupo venas tiu aspekt'. 41: Afrika familiano de kulo. 43: Granda hero' laŭ Macpherson kaj gaela historio.

**La Jarĉefkunveno 1994 de *Hamburga Esperanto-Societo* okazos la 24an de Februaro 1994 ekde la 20a horo en la Esperanto-Domo Klaus-Groth-Straße 95 20535 Hamburg**

**La estraro de HES**

# Fortgeschrittenen-Kurs II

Der Kurs **Esperanto für Fortgeschrittene II** findet ab dem 14. Januar 1994 jeweils freitags von 18.00 bis 19.30 an acht Abenden in den Räumen des Esperanto-Vereins Hamburg statt. Er wendet sich an fortgeschrittene Teilnehmer, die einen Anfängerkurs und einen Fortgeschrittenen-Kurs besucht bzw. entsprechende Eigenstudien betrieben haben.
Gelernt wird nach dem Buch **Wir lernen Esperanto, Teil II**, Kapitel 9 bis 15.
Die Kursgebühr beträgt DM 60,- für Nichtmitglieder und DM 30,- für Mitglieder. Wer das Lehrbuch noch nicht besitzt, kann es für DM 20,- bei Kursbeginn erwerben.
**Über Anmeldungen freut sich der Kursleiter:**
Jürgen Wulff, Bornkamp 12, 22043 Hamburg, Tel/Fax: (040) 656 06 59.

# Kurso por progresintoj II

La **kurso por progresintoj II** okzos ekde la 14a de Januaro 1994, vendrede en la domo de Hamburga Esperanto-Societo. Ĝi celas speciale progresintojn, kiuj post progresanta kurso deziras pliperfektiĝi. Kromajn informojn donas la kursgvidanto; bv. vd. supre.

# Nova ludo por klubanoj!

En la tuta mondo oni aŭdas la **plendojn**, ke nur malmultaj membroj venas en la klubejon. La kluba vivo **stagnas**. La Esperanto-grupoj ne instigas malnovajn membrojn, fari kontribuon por atingi la celojn de la movado. Jam multaj ghomoj serĉis eblecojn por aktivigi la samideanojn. Nun *Bernhard Golden* (vd. Eventoj 1/Oktobro 93, p. 2) elpensis novan ludon por trovi **solvon de tiu problemo**.
De Huizinga ( NL, {heŭjzinga}, 1872 - 1945) ni scias, ke ludado estas elemento de la kulturo. Multan kulturon bezonas la Esperanto-movado, kaj bezonas niaj kluboj. Nu, la ludo de *Golden* - La ***Ora Ludo*** - estas speco de konkurso, en kiu povas partopreni ĉiu membro de la loka grupo. La konkurso konsistas el multaj variaj taskoj, kies plenumadon ĉiuj povas efektivigi. Por ĉiu agado finita, la aginto ricevas antaŭdefinitan nombron de **poentoj**. Al kelkaj venkintoj, kiuj povis kolekti plej multajn poentojn dum la jaro, je la **Zamenhoffesto** en Decembro, estos donitaj premioj, ekzemple Esperanto-libroj.
*B. Golden* jam preparis provizoran liston por atribui poentojn, kiuj respegulas la gravecon de la variaj agadoj. La nombroj povas esti modifitaj konforme al specialaj kondiĉoj en ĉiu kazo. El ĉiuj mi nur citu tri ekzemplojn:
Por la plenumado de la funkcioj de prezidanto oni ricevas 100 poentojn jare.
Por frekventado de lingvokurso (ĝis la fino) oni ricevas ankaŭ 100 poentojn.
Por varbado de nova membro por la klubo oni ricevas 25 poentojn.
La ludo unuflanke estas **ludo** inter klubanoj. Ĉe tio spertaj Esperantistoj havas pli bonan ŝancon ol nespertaj. Aliflanke oni ankaŭ mezuras la **progreson** de la ludanto; la plej granta plimultiĝo de poentoj kompare al la antaŭa jaro estas premiota. Ĉe tio ankaŭ **novaj Esperantistoj** havas bonan ŝancon. La *Ora Ludo* povas esti pligrandigita kiel konkurso inter la kluboj kaj poste inter la landaj asocioj.
Mi opinias ke **sportemaj homoj** multe ŝatos tiun ludon. Ĝi ne nur kreos grandan **ĝojon** por la ludantoj, sed ankaŭ grandan **utilon** por la tuta Esperanto-movado, estante granda **motivo** por aktiviĝado de la membroj. La Esperanto-movado ne havas monon por rekompensi multmeritajn membrojn. Per poentoj la estraro havus la eblecon laŭdi ilin; kaj la oftaj plendoj, ke la malĝustaj personoj estas laŭdataj, silentiĝos.

*Bodo Schneider*

# Balt-Mara turisma renkontiĝo en Stralsund la 1a ĝis 3a de Oktobro 1993

Tiun renkontiĝon partoprenis 12 membroj de HES, inter ili estis 6 gestudrondanoj.
Estis la unua fojo, ke ni vizitis la geesperantistojn de *Stralsund*. Ni alvenis aŭte respektive trajne. La aŭtovojaĝantoj atingis Stralsund tra lunbriligita pejzaĝo. En Stralsund ni estis tre kore bonvenigitaj.
La venontan matenon ni ekkonis la aliajn partoprenantojn. Entute ni estis **32 Esperantistoj el Danlando, Svedio kaj Germanio**. Dum la riĉa matenmanĝo ni elektis inter du diversaj ekskursoj. Unu grupo veturis al *Hiddensee* kaj la alia al *Stubbenkammer*.
Sub gvido de Sinjoro *Borgwardt* la unua grupo veturis aŭte ĝis *Schaprode* kaj ŝipe al *Kloster* sur la insulo *Hiddensee*. La grupo tramigris la plaĝon ĉe la Balta Maro sen *Elsbeth Wielgus*, kiu restis pro sia ĵus saniĝinta piedo. Post kelkaj cent metroj ankaŭ *Eva Löbel* forlasis la grupon pro tro granda peno marŝante tra la sablo. Ŝi pluiris sur la digo kaj sekvis grupon pli antaŭe, pensante, ke estas la resto de sia grupo, sed ŝi ne povis atingi ĝin. La vera resto de la grupo ne sekvis la digon, sed nur trapasis ĝin, kaj sur la strato returnis norden. Sen *Elsbeth* kaj sen *Eva* ili atingis monteton de kie ekzistas bona elrigardo de sur la insulo *Hiddensee*. Revininte al la haveno oni vidis *Elsbeth* en restoracio, sed ne *Eva*. La grupo estis en granda zorgo pri *Eva*. Ĉu ŝi vojeraris? Sed ŝi revenis sufiĉe frue antaŭ la reveturo de la pramo.
La dua grupo veturis aŭtomobile al *Stubbenkammer* - la nordorienta pinto de insulo *Rügen*. Ni vizitis *Stubbenkammer* kaj *Königstuhl*. La kret-rokoj estis imponaj.
*Irmgard, Bodo, Burkhard* kaj *Frank* majstris la migradon inter *Königstuhl* kaj *Saßnitz*, kie *Hannelore* atendis ilin. Ili estis tre trablovitaj kaj ĝuis kafon kaj kukon. Kontraŭ la malleviĝanta suno la grupeto veturis al *Stralsund*.
Vespere ĉiuj renkontiĝis en la historia *Scheele-Haus*, kie estas la **Esperantoklubejo** de *Stralsund*. Tie ni festis, aŭskultis svedan ĥoron kaj mem kantis kanzonojn de Mecklenburg tradukitaj de *Gunter Ebert*. En la afabla rondo finiĝis bela vespero.
Bedaŭrinde pluvis dum la lasta tago. Tamen ni iris viziti la urbcentron kaj la *Marmuzeon*. Ĉiĉeronis nin *Hans-Joachim Borgwardt* tra la impresa *Marmuzeo*.
Post la komuna tagmanĝo en la fama restoracio *Kogge*, ni adiaŭis kaj hejmveturis. La hejmvojaĝo denove estis agrabla kaj gaja.
**Ni estas dankaj al la gesamideanoj en *Stralsund* pro tiu bela semajnfino.**

**Ĝis la revido.**
La *Studrondo* de **HES**

raportis
***Hannelore Brunow***



# Hamburger Esperanto-Jugend auf den Jugendumwelttagen

**Hamburg (JWu). Angekündigt als die "größte Jugendumweltveranstaltung Deutschlands im Jahre 1993" waren die Erwartungen vieler teilnehmender Gruppen an der Veranstaltung vom 29. bis 30. September 1993 in der Markthalle groß. Das Ergebnis, allerdings, war für die meisten ernüchternd.**

Statt der erhofften jungen Besucherscharen hielt sich der Andrang in Grenzen. Wenn nicht zuständige Lehrer die Schüler zu den Jugendumwelttagen im Rahmen des Unterrichts mitgenommen hätten, hätte wohl kaum jemand den Weg zur Markthalle gefunden. Das Interesse der Schüler an den Umweltthemen war verhalten. Und nach 13 Uhr war nur noch gähnende Leere in den Hallen, und das, obwohl die Veranstaltung an beiden Tagen bis abends um 20.30 dauern sollte.

Die Hamburger Esperanto-Jugend, die sich zum Ziel gesetzt hatte, gerade Schüler über die Möglichkeiten der *leichtesten Fremdsprache der Welt* zu informieren, hatte fast nur wegen der aufgestellten Lostrommel von Schülern Besuch. Informationen wurden verteilt und einige Fragen beantwortet, viel Resonanz war aber nicht zu spüren.

Dafür kamen einige interessante Gespräche mit Lehrern zustande, die sich nach anfänglicher Skepsis doch positiv zu Esperanto stellten. Auf die Frage, warum denn Esperanto nicht im Rahmen des Unterrichts zumindest Erwähnung findet, war die Antwort eines Lehrers sehr aufschlußreich: "Wir haben ganz andere Sorgen als Esperanto. Es geht darum, daß ein großer Teil der Schüler überhaupt nicht mehr lernen will. Unsre Aufgabe besteht darin, die Lernwilligen vor den anderen zu schützen." Bleibt zu hoffen, daß diese Aussage ein Einzelfall ist und nicht den wahren Zustand an Hamburgs Schulen widerspeigelt.

Auch im nächsten Jahr sollen wieder Jugendumwelttage in Hamburg stattfinden. Die Veranstalter haben aus der zum Teil mangelhaften Organisation und Öffentlichkeitsarbeit gelernt und für die nächste veranstaltung einige Änderungen vorgesehen.

Die Hamburger Esperanto-Jugend wird daher auch im nächsten Jahr einen neuen Anlauf unternehmen, Schülern die Faszination der Internationalen Sprache zu vermitteln.

*Jürgen Wulff*

Hamburga Esperanto-Societo r.a.

Esperanto-Verein Hamburg e.V.



# Kotizoj 1993 4

| Kategorio | HES | GEA | entute GM: |
|---|---|---|---|
| Plena membro | 55,- | 60,- | 115,- +10 |
| Familiano | 35,- | 30,- | 65,- |
| Studento, Lernanto, Membro sen enspezoj Senlaborulo | 35,- | 30,- | 65,- |
| Junulo ĝis 26 jaroj | 30,- | 30,- | 60,- |
| Patrona membro de GEA | 55,- | 120,- | 175,- +10 |

Kurso (por ne-membroj): 150,- reduktita: 75,-

Bonvolu ĝiri al la konto de HES, indikante celon kaj nomon aŭ pagu kontante al nia kasistino ***Hella Lanka***.

Ĝiradon direktu al: Hamburga Esperanto-Societo,
**Poŝtĝirokonto Hamburg n-ro 173 22 - 207**

## Atentu!

**La kotizoj de HES ankoraŭ ne plialtiĝis en 1993 pro la ekstrema plialtigo de GEA. Tamen por 1994 necesas plialtigo, kiun ni jam decidis dum la jarĉefkunveno en Februaro 1992. Laŭ tiu decido la HES-kotizoj por ĉiuj kategorioj - escepte de *junuloj* - plialtiĝos je 10,- GM.**